# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

23a jaro Septembro/Oktobro 1971 N-ro 5

## LUGANO

*Lugano — la urbo de la 24-a IFEF-Kongreso.* Bildkliŝo: LKK-Lugano.

# 24-a Esperanto-kongreso de IFEF en Lugano 1972




*Provizora kongresprogramo:*

*Sabaton, 6.5.:* Akcepto de gekongresanoj. Interkona vespero. *Dimanĉon, 7.5.:* Diservo. Inaŭguro. Ekskurso — Rondveturado ŝipe sur Lago de Lugano. Koncerto. *Lundon, 8.5.:* Komitatkunsidoj. Komisionaj kunsidoj. Internacia Balo. *Mardon, 9.5.:* Komitatkunsido. Ekskurso al Monte Generoso libera vespero. *Merkredon, 10.5.:* Faka ekskurso al Chiasso, nova varstacio aŭ al Bellinzona, ĉefriparejo. Piedpilkludo aŭ aliaj Junularaj aranĝoj. Junulara Vespero. *Ĵaŭdon, 11.5.:* Plenkunsido. Filmoj, Fakprelego. Folklora Vespero. *Vendredon, 12.5.:* Tuttaga ekskurso al Trafikdomo Luzern kun ŝipveturado Flüelen-Luzern. Fino de la kongreso en Luzern.

Eblos plilongigi la restadon en Lugano. Ni povos peri restadon ankaŭ en Luzern, ja niaj tieaj samideanoj eĉ pretas organizi malgrandan programon se montriĝos sufiĉe da intereso. La kongres-aliĝiloj fine de oktobro estos pretaj kaj haveblaj ĉe la landaj distribuantoj de IF.

*LKK-sekretario.*

---

*Kunlaborantoj de Loka Kongresa Komitato por la 24-a Esperanto-Kongreso IFEF*

Prezidanto: Edo Tognini, funkciulo de fervojista sindikato. Vic-prezidanto: Fernando De Faveri, lokomotivriparej-estro. Sekretario: Kurt Greŭtert, lokomotivisto. Kasistoj: Ernst Glättli, subĉefo. Hans Noll, emerita subĉefo. Kunlaborantoj por specialaj taskoj: Otto Walder, lokomotivisto. Giovanni Sasselli, emerita lokomotivisto.

*

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**
**Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M) 70, Schweizer Str. 104, Germanio**
**Redaktoro: Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegio**
**Bankkonto: Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn, Svisio**

# La historio de Lugano



Bildkliŝo: LKK-Lugano.

*Rigardo de Monte Bré al Lago kaj urbo de Lugano, kun maldekstre Monte San Salvatore.*

Kvankam la regiono de Lugano estis loĝata de Liguroj, Etruskoj, Galloj kaj fine de Romanoj — kiel inskripcioj, relikoj kaj tombaj surskriboj en Muzeo Civico tiun pruvas — la nomo Lugano aperas nur malfrue, je la 6-a jarcento p.K. La preĝejo de San Lorenzo estas menciita en la 9-a jarcento; je komenco de 10-a jarcento oni legas pri foiro; tiel la vilaĝo konfirmas duoblan funkcion, la religian kaj la ekonomian, en la centro de la ĉelaga regiono.

Lugano kunagis en la bataloj inter Locarno kaj Como kaj suferis en la 15-a jarcento sinsekve la suverenecon de la regantoj Rusca, Visconti, Sanseverino kaj Sforza. Por sia defendado ĝi disponis pri kastela sistemo (San Martino piede de San Salvatore, Trevano ktp.) kaj eble pri fortikaĵaj muroj, kiuj tiutempe verŝajne laŭlonge de hodiaŭa Corso Pestalozzi ekzistis. Kontraŭe en dokumento de 1497 Lugano estas deklarita nedefendita urbo; dum la sekvinta jaro Ludovico il Moro ordonis la konstruadon de kastelo, kiu jam 1517 de la svisfederacianoj estis detruita. Per tio komenciĝis la longa periodo de regado de la svisfederacianoj.

La fondo de aŭtunaj bestfoiroj 1513 kaj la vigla agemo de la civitanoj kunhelpis al kreskanta signifo de la urbeto. Tie estis prenitaj decidoj, kiuj influis la evoluiĝon de Tiĉino: la partio «Liberaj Svisoj» malebligis provon de la «Cisalpini» subigi la urbon dum februaro 1798. Dum la 19-a jarcento Lugano daŭre evoluiĝis al vigla centro de la politika vivo. Ĝi efektivigis la reformon de 1830, gastigis multnombrajn italajn rifuĝintojn (kiel Foscolo, Mazzini, Carlo Cattaneo, kiu instruis en la kantona liceo); aktivaj presejoj grave kunhelpis al la itala reekflorado.

Dum la dua duono de la 19-a jarcento komenciĝis la prospera periodo, kiun oni pridankas al la turismo; grandaj hoteloj estis konstruitaj; la malfermo de la Gotthard-fervojo 1874 konsiderinde helpis al la evoluiĝo de Lugano. La urbo, kiu nombras hodiaŭ 22000 enloĝantojn fakte estus multe pli hom-nombra, ĉar necesas alkalkuli la ĉirkaŭajn komunumojn Massagno, Paradiso, Viganello kaj Cassarate ktp.



*Fontano de placo Manzoni.*

Bildkliŝo: LKK-Lugano.

*

*Fritz Laŭtenbach:*

# Klerigado ĉe fervojaj administracioj

La jaro 1970 estis deklarita Internacia Jaro de Edukado. La Ĝenerala Konferenco de UNESCO komisiis la ĝeneralan direktoron prepari apartan programon de agadoj en tiu jaro. Ankaŭ UEA partoprenis la mondan kampanjon por atentigi pri la mankoj kaj problemoj de la nuntempa edukado, Certe la IFEF-anoj interesiĝas pri tiu temo. Tial mi, interkonsente kun la IFEF-estraro, intencis diskutigi dum la 22a IFEF-kongreso en Rimini 1970 post konciza referato la temon *Realaj kaj idealaj metodoj de deĵora klerigado ĉe eŭropaj fervojoj.* Mi petis komitatanojn kaj kelkajn aliajn kolegojn informi min pri la nunaj metodoj ĉe diversaj fervojoj, por ke mi kapablu prepari koncernan materialon. Respondis mian leteron de 5.2.1970 jenaj landoj: *Belgio — Ĉeĥoslovakio — Danio — Francio — Finnlando — Norvegio — Svedio — Svisio.*

La materialo montris, ke la metodoj de deĵora klerigado ĉe diversaj fervojoj estas malsamaj. Kompari ilin nur eblas per ekzemploj. Tial mi elektis la karierojn de lokomotivestro kaj signalisto por prepari la komparon. Mi forsendis rondleteron kun preparita formularo al la respondintoj kaj petis plenigi la formularon per la deziritaj informoj kaj resendi ĝin ĝis la 1a de majo 1970. Taŭgan materialon mi ricevis de jenaj landoj: *Belgio — Ĉeĥoslovakio — Danio — Francio — Norvegio — Svisio.*

Por Germanio mi mem kiel fakulo havis la necesajn informojn. Mi preparis mallongan referaton kaj intencis diskutigi la temon post la referato en Rimini. Pro la multaj ŝanĝoj en la kongresprogramo (kaŭzitaj de diversaj strikoj) ne eblis okazigi la referanton kun diskutado. Tial mi nur faris mallongan raporton dum la plenkunsido, kie mi i. a. diris:

En «Kontakto» ni legis «*Lernejo — ejo de la revolucio? — Loko de aŭtoritatismo? — distingilo de sociaj klasoj? — edukejo aŭ selekciejo? — ĝisdata informado? — preparejo al demokratio? — por praktiko a teorio? —*» Por ni fervojistoj ne temas pri tiuj aferoj. Nin precipe interesas la klerigado ĉe niaj administracioj. Do kiamaniere kompari? La komparo de la lokomotivestra kariero montris sin sufiĉe facila, sed jam por signalistoj la komparo estis malfacila tasko.

Kaj ne nur temas pri komparo, sed ankaŭ pri metodoj. La didaktaj demandoj ĉe la fervojo ankaŭ estas gravaj, sed eĉ pli gravaj estas la metodoj de la klerigado. Ĉu niaj administracioj uzas la plej efikajn metodojn: filmojn, diapozitivojn, programitan lernmaterialon ktp?

Mi opiniis, ke tiu demando valoris pluajn agojn. Ankoraŭ ne estis tempo por fini la komparon komencitan. Mankis krome ankoraŭ kelkaj landoj, kiuj promesis kunlabori. Mi esperis, ke IFEF intencus daŭrigi la agadon. Mi opiniis, ke la temo estus valora, precipe por niaj junaj gekolegoj. Ja estas diferenco

— ĉu oni bezonas 4jaran studadon ĉe faklernejo aŭ nur elementan lernejon kaj metalfakan praktikon por iĝi aspiranto por lokomotivestro;
— ĉu la praktika klerigado daŭras 1,5 jarojn aŭ 5 jarojn;
— ĉu la teoria klerigado daŭras 1 jaron en centra fervoja faklernejo aŭ nur

ampleksas 23 tagojn ĉe la lokomotivejo;

— ĉu ekzamenas la kolegoj, kiuj antaŭe instruis, aŭ tute nekonataj personoj en ekzamenkomisiono;

— ĉu daŭra instruado post la ekzameno dum deĵoro okazas ĉiumonate (2—3 horoj) aŭ nur laŭbezone aŭ tute ne.

Pliajn detalojn enhavas la aldonita tabelo.

Post la kongreso en Rimini mi proponis al IFEF: peti kromajn landojn kunlabori, prepari referaton por la kongreso en Maribor 1971 kaj tie prelegi kaj diskutigi pri la temo. IFEF-prezidanto Giessner prelegis resumon dum la fervojista fakkunveno en la kadro de la Universala Kongreso en Vieno 1970.

La 18an de februaro 1971 mi preparis por la referato en Maribor novan demandilon, kiu estis forsendita al la komitatanoj de la diversaj landaj asocioj pere de la IFEF-estraro. La per krucoj indikatajn respondojn mi petis resendi ĝis la 1a de majo 1971. Kun granda ĝojo mi konfirmas la alvenon de 14 respondiloj el la jenaj landoj: *Aŭstrio — Belgio — Ĉeĥoslovakio — Danio — Finnlando — Hispanio — Hungario — Italio — Jugoslavio — Nederlando — Norvegio — Polio — Svedio — Svisio.*

Mi dankas al la kunlaborintoj en tiuj 14 landoj. Iliaj respondoj ebligis la starigon de la aldonita tabelo kaj la sekvontajn komparojn.

*Moderna fervojo — moderne klerigado*

Unue necesas klarigi kelkajn fakesprimojn pri la instruado:

*Pedagogio:* arto instrui kaj eduki, scienco pri tia instruado.

*Didaktiko:* reguloj por la instruado, precipe koncerne la enhavon.

*Metodo:* taŭga pripensita procedaro por plej bone atingi difinitan celon.

1) *Fervojaj lernejoj.*

La unua demando temis pri fervojaj lernejoj. Kun unu escepto ĉiuj landoj havas fervojajn lernejojn. En dek landoj ili enhavas ĉiujn fakojn, dum ĉe 4 administracioj diversajn fakojn oni instruas en apartaj lernejoj. Instruantoj estas aŭ profesiaj instruistoj, aŭ fakuloj, kiuj ne nur instruas, aŭ fervojistoj, kiuj nur instruas, aŭ fervojistoj, kiuj ne nur instruas. Interesa estas: nur du landoj ne havas fervojistojn en siaj fervojaj lernejoj kiel instruantoj!

La efiko de la instruado ankaŭ dependas de la nombro de kursanoj. Grandnombra kurso estas el pedagogia vidpunkto pli malefika por la lernanto ol malmultnombra. La idealan nombron, do malpli ol 15, atingas nur unu lando. Tamen 6 landoj kunigas nur ĝis 25 kursanoj kaj 4 aliaj ĝis 35. Pli ol 35 lernantoj en unu kurso ankoraŭ troviĝas ĉe 3 fervojoj.

Kvin tagoj da instruo po semajno estas kutimo en 7 landoj kaj aliaj 6 eluzas la ses labortagojn de la semajno.

La kvalito de la klerigado ankaŭ dependas de la instruisto kaj de tio, kiel streĉe li devas labori, ĉu li havas sufiĉe da tempo por bone prepari la instruon. Mezurilo por tiu demando estas la nombro de la instruhoroj dum unu semajno. En 4 landoj la ideala nombro de 20 instruhoroj jam estas atingita, 6 aliaj landoj en siaj lernejoj ankaŭ ne postulas tro: ĝis 25 horoj semajne. Po du landoj informis pri pli ol 25 aŭ eĉ pli ol 30 instruhoroj po semajno.

2) *Deĵora instruo.*

Deĵora instruo — tio estas la kutimo instrui regule la deĵorantojn, do ekzemple la lokomotivistojn, signalistojn, biletvendistojn ktp. Tiu deĵora instruo do ne

| | | Aŭstrio | Belgio | Ĉeĥoslovakio | Danio |
|---|---|---|---|---|---|
| FERVOJAJ LERNEJOJ | Ĉu ekzistas fervojaj lernejoj? | jes | jes | jes | jes |
| | Ĉu ili enhavas ĉiujn fakojn kune? | jes | ne | jes | jes |
| | Apartaj lernejoj por komerca servo | | | | |
| | por funkcia servo | | x | | |
| | por lokomotivistoj | | x | | |
| | por signalistoj | | x | | |
| | Instruas profesiaj instruistoj | x | | x | |
| | » fakuloj, kiuj ne nur instruas | | x | | x |
| | » fervojistoj, kiuj ne nur instruas | | x | x | x |
| | » fervojistoj, kiuj nur instruas | | | x | |
| | Kiom da personoj estas en unu kurso? | 35 | +35 | +35 | 25 |
| | Kiom da instrutagoj po semajno? | 5 | | 5 | 5 |
| | Kiom da horoj instruisto donas semajne | 30 | | ÷20 | ÷20 |
| DEĴORA INSTRUO | Ĉu oni instruas la deĵorantojn? | jes | jes | jes | jes |
| | La instruo okazas: ĉiusemajne | | | | neregule |
| | ĉiun monaton | x | x | x | |
| | unufoje jare | | | | |
| | Instruas fervojisto, kiu nur instruas | x | | x | |
| | Instruas ĉefo aŭ alia fervojisto | x | x | | x |
| INSTRUAJ RIMEDOJ KAJ METODOJ en fervojaj lernejoj kaj por deĵora instruo | Kiel instrua rimedo servas: nigra tabulo | x | x | x | x |
| | diapozitivoj | x | x | x | x |
| | fakaj filmoj | | x | x | x |
| | sonbendoj | x | | x | x |
| | simuliloj | x | | x | x |
| | aliaj | A | | | |
| | Preferataj metodoj por instrui: prelego | | x | | x |
| | libera parolado | x | | x | |
| | demando/respondo | x | | x | |
| | diskutado | x | x | | |
| | gruplaboro | | | | x |
| | aliaj | | | | |
| | Ĉu oni pridiskutas la instru-metodojn? | jes | ne | jes | jes |
| | Ĉu oni jam modernigis la metodojn? | jes | jes | jes | jes |

Aliaj instru-rimedoj: A = ŝtoftabulo kun alfikseblaj simboloj; B = mapoj, bildoj; F = praktika demonstrado. Aliaj metodoj por instrui: G = vizitoj.

| Finnlando | Germanio | Hispanio | Hungario | Italio | Jugoslavio | Nederlando | Norvegio | Polio | Svedio | Svisio |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| unu | jes | jes | jes | jes | jes | jes | jes | jes | jes | ne |
| jes | ne | jes | jes | jes | jes | ne | jes | jes | ne | — |
| | | | | | | x | | | | |
| | x | | | | | x | | | | |
| | x | | | | | x | | | x | |
| | x | | | | | x | | | x | |
| | | x | x | | x | | x | x | | |
| | | x | x | | x | | x | | x | |
| x | parte | x | | x | | | x | x | x | |
| x | x | x | | x | | x | | | x | |
| 35 | 25 | 25 | 35 | 35 | 25 | 25 | 20 | +35 | ÷15 | |
| 5 | 5 | 6 | 5/6 | 6 | 6 | 5 | 6 | 6 | 5 | |
| 25 | 25 | 30+ | 25 | 25 | 25 | 30 | 24 | ÷20 | ÷30 | |
| ne | jes | ne | jes | jes | jes | jes | jes | jes | jes | jes |
| | | | x | | | | | | x | |
| | x | | x | | x | | | x | | |
| | 4x | | | | | x | laŭ-bezone | | x | |
| | x | | x | x | | x | | x | x | |
| | x | | x | x | x | | x | | x | x |
| x | x | x | x | x | x | x | x | x | x | x |
| x | x | x | x | x | x | x | x | x | x | x |
| x | x | | x | x | x | | x | x | x | x |
| | x | | x | x | | x | x | x | x | |
| x | x | x | x | x | | x | | x | | x |
| B | | | | C | | | D | E | F | |
| x | | x | | x | x | | x | x | | |
| x | x | | x | x | | | x | | | x |
| x | x | x | x | x | | | x | x | x | |
| x | x | x | | x | | | x | | | x |
| | | | x | | | x | x | x | x | |
| | | | | G | | | | | | |
| jes | jes | jes | jes | jes | jes | jes | jes | jes | jes | jes |
| jes | jes | ne | jes | jes | parte | jes | jes | jes | jes | jes |

C = instrumentoj, aparatoj; D = superkapa projekciilo; E = terenaj ekzercoj;

inkluzivas la klerigadon de lernantoj. Nur 2 el 15 landoj ne konas deĵoran instruon. Du administracioj neregule aŭ nur laŭbezone instruigas la deĵorantojn. La restantaj 11 fervojoj donas al la deĵorantoj la eblecon certigi kaj kompletigi la fak-scion. La regula instruo okazas aŭ ĉiusemajne aŭ ĉiumonate aŭ kvaronjare a jare. Pliaj detaloj ĉi tie ne necesas. Por la deĵora instruo 3 landoj havas kolegojn, kies nura tasko estas instrui. Kvin ne konas tian nur-instruantan kolegon, ĉe ili la koncerna ĉefo instruas. Kaj ĉe la ceteraj 5 fervojoj agas aŭ nur instruantaj kolegoj apud ĉefoj ktp.

3) *Instruaj rimedoj.*

La homo ne nur lernas pere de la oreloj sed ankaŭ per la okuloj kaj per propraj agoj. Nur aŭditajn vortojn oni konservas en la cerbo plej malbone, per vortoj kaj videbla aĵo akiritan aferon oni jam bli bone komprenas kaj konservas. Kion homo aŭdis, vidis kaj mem faris, tion li plej bone «ekposedas».

Tial nin interesas la rimedoj, kiujn oni uzas por instruo ĉe la diversaj administracioj. La nigra tabulo kaj diapozitivoj estas uzataj ĉie. La plimulto ankaŭ montras fakfilmojn, uzas sonbendojn kaj simulilojn. Multaj aliaj modernaj rimedoj jam estas uzataj: ŝtoftabulo kun alfikseblaj simboloj, mapoj, instrumentoj, aparatoj, superkapa projekciilo, praktika demonstrado, terenaj ekzercoj ktp.

Ankaŭ la formo de la instruo influas la pedagogian efikon. La nura prelego ne estas tiel taŭga kiel libera parolado, demando kaj respondo, diskutado kaj la moderna gruplaboro. Ĝoje mi konstatis, ke la plej multaj fervojoj jam uzas modernajn formojn de instruo.

Fine mi povas informi vin, ke en 14 el la 15 landoj oni nuntempe diskutas la didaktikon kaj la metodojn. Kun nur unu escepto oni jam modernigis metodojn de la klerigado laŭ la devizo:

MODERNA FERVOJO — MODERNA KLERIGADO

---



# Junulara angulo



La 13a Internacia Fervojista Esperanto Skisemajno (IFES) okazos de 5.—12.2. 1972 en la fervojista sportdomo «Willi Merkl-Heim» en Spitzingsee. La loko situas en la bavaraj alpoj, proksime de fervoja linio München—Bayrischzell. Ek de la stacio Fischhausen—Neuhaus veturos speciala aŭtobuso 6 km al Spitzingsee (100 m). Nombro de la partoprenantoj estos limigita je 60 jersonoj. Bv. peti informojn kaj aliĝilojn kontraŭ respondkupono ĉe S.ino Elfriede Kruse, D 6 Frankfurt (Main), Schweizer Str. 104 (Germanio).



# ADMINISTRAJ INFORMOJ

*Raporto*

*pri la Kontakta Faka kunveno okaze de la 56-a Universala Kongreso de Esperanto en Londono.*

Laŭ la programo de la 56-a Universala Kongreso, la Kontakta- faka- kunveno okazis la 6-an de aŭgusto en Londono en la salono Privat.

Prezidis D-ro István Bácskai A. komitatano de UEA por IFEF. La fakan prelegon verkis s-ro F. W. Young divizioestro ĉe la Britishrail en Stoke — on — Trent, kiu partoprenis la kunsidon kaj donis taŭgajn klarigojn al la alparolintoj.

La fakprelegon tradukis kaj prezentis s-ro Horace Barks.

Tagordo estis: detala informo kaj pri la faka laboro de IFEF — IFEF-kongresoj, — speciale pri la lasta, fervojistaj fakrevuoj, fakprelegoj kaj tiel plu, kaj pri la fakdelegitoj de UEA kun informo pri la grava laboro de la delegitara reto.

Dua parto estis la faka prelego: Trafikaj problemoj en la venonta jardeko. Temis nur pri la anglaj fervojaj problemoj.

Partoprenis 25 kolegoj el 9 landoj el Britio, Francio, Grekio, Germanio, Hungario, Italio, Finlando, Svedio, Usono.

Alparolis angla, franca, greka, hungara, itala kolegoj.

La teksto de la prelego estis multobligite dissendita por la interesuloj.

Post la bonsukcesa prelego — en la kadro de la libera diskutado — dankante denove la laboron de la verkinto, estis proponita, ripeti la proponon aperigi esperantlingvan klarig-tekston ankaŭ en la horarlibro de Britishrail. S-ro Young promesis subteni la proponon.

Aparte estas menciinde la saluto en la nomo de IFEF en la kadro de la unua Generala-kunveno de UEA. 02.8.1971.

Partopreninte la Komitatkunsidojn, — escepte la unuan, mi opinias, estis konsiderinda la modesta ŝanĝo de la estraranoj. La nova estrarano pri *Landaj kaj Fakaj Asocioj* estas: d-ro Bormann.

La komitato akceptis proponon pri la kotizaltigo en la budĝeto 1972. La aliĝintaj fakaj asocioj pagos kotizon 100 guldenojn, anstataŭ 50. Vane mi ne aprobis.

La kongreson partoprenis pli ol 2.000 kongresanoj el 40 landoj. La impona kaj bonsukcesa inaŭguro okazis en la belega halo de Royal Festival Hall. La oficiala distra programo bonsukcesis. Okazis pli ol dezirinda personrilataj diskutoj.

La plej gravaj temoj de la kongreso estis la lingva komunikado en la moderna mondo, la agado en Eŭropo kaj la principo de la neŭtraleco.

La kongreso akceptis unuanime Kongresa-Rezulocion en kvar punktoj. Apartan rezulocion akceptis la reprezentantoj el la landoj de la Eŭropa Ekonomia Komununo — Komuna Merkato, kaj la mondpaca E-movado. MEM

Estis konstatebla la pli granda rekono de fak-karaktera laboro tamen estus bonefika, se nia Federacio sukcesus aperigi memstaran raporton — kiel aliĝinta faka asocio — en la Jarlibro en kiu koncize,

Daŭrigo p. 76.



# FERVOJNOVAĴOJ



*Norvegio:*

Norvegaj Ŝtataj Fervojoj nun mendis 20 novajn elektrajn lokomotivojn.

Ilia konstrunumero estas El.14.

Tiu tipo estas konstruita por unufaza alternfluo 15000 V. 16$^{2}/_{3}$ Hz, ekipita kun 6 alternflumotoroj.

Tia lokomotivo havas elektran bremsilon kun 1620 kw.

Ĝia motorefekto estas 6930 ĉevalpovoj, ĝi pezas 105 tunojn, kaj la maksimuma rapideco estas 120 km.p.h.

Estas Thune mekanika uzino en Oslo kiu liveras tiujn lokomotivojn.



# EL LA FERVOJISTA MONDO

*Polio:*

## RENKONTIĜO SUR LA ŜIPO M/S ZAMENHOF

La pola plenmara ŝipo M/S Zamenhof jam ekde 1959 navigas sur maroj kaj oceanoj. Fine de junio ĉijare gi estis denove en sia baza haveno Gdynia kaj la esperantistoj de la pola marbordo kaptis la okazon viziti la ŝipon 24.6.1971.

La ŝipestro inĝ. mag. Wilczynski kore akceptis ilin en la ŝipsalonoj. Laŭvice mallonge parolis la prezidanto de la Pola Esperanto-Asocio red. Kosienisk el Varsovio, la prezidantino de la Vojevodia Filio en Gdansk dr. Kotarska, la patrono de la Infana Domo en Orunia Kozaczuk, la prezidanto de la Pola Fervojista Esperanto — Fakgrupo Nawrowski, la iniciatoro de nomigo de la ŝipo je nomo de Zamenhof, kaj la direktoro de la Politekniko en Gdansk mag. Siekierski.



La, parolintoj substrekis la gravan signifon de ekzisto de oceana ŝipo naviganta sub pola flago, kiu estas la ununura unue en la mondo, portanta la nomon de la kreinto de la Internacia Lingvo.

La ŝipkapitano dankis kaj akceptis nome de la ŝipanaro la oferitan protektoraton de la esperantistoj, kiuj liveros al la ŝipo ĉiujn eldonaĵojn pri la pola kaj internacia Esperanto-movado kaj promesis ankaŭ okupiĝi pri la sorto de la ĉeestanta 12-jara orfino Margareta el la Infana Domo.

Sinjorino Lipowiez, kiu aranĝis la renkontiĝon, transdonis al la ŝipestro nome de la Vojevodia Filio en Gdansk lernolibrojn kun diskoj de Esperanto — kurso kaj etajn memoraĵojn, sinjoro Nawrowski nome de la fervojista Esperanto-klubo Verda Vojo esperantajn librojn, kantarojn kaj vidkartojn de la ŝipo «Zamenhof», sinjoro Kosieniak nome de la Pola Esperanto-Asocio medalionon kun la busto de Zamenhof kaj sinjoro Kozaezuk infandesegnaĵojn.

En la dua neoficiala parto de la akcepto sekvis vizitado de la ŝipo kaj ties modernaj aranĝoj. Esperantaj kantoj kaj fine vigla diskutado pri la signifo kaj taŭgeco de Esperanto en internaciaj rilatoj finis tiun agrablan kaj memorindan renkontiĝon.

*E. Nawrowski.*

*Svisio:*

13-a EŬROPA FERIO-SEMAJNO EN SVISIO

Ĝi okazis ĉi-jare en Fürigen ĉe la rava bordo de la Lago de Kvar Kantonoj. Partoprenis 80 personoj el 10 landoj. La organizintoj Hunkeler kaj Glättli de la Svisa Asocio de Esperanto Fervojistoj ree aranĝis modelan programon. Antaŭtagmeze okazis Esperanto-kursoj. Duontagaj kaj du tuttagaj ekskursoj al belegaj lokoj de Svisio, ekzemple al Flüeli/Ranft, Beckenried, Engelberg, Stanserhorn, Luzern kaj al la ĉarma Lago de Aegeri prezentis abunde varioplenajn travivaĵojn. Vesperaj aranĝoj perfektigis la semajnon per lumbild- kaj filmprezentoj, prelego pri svisaj Esperanto-elsendoj kaj per amuzaĵoj. La filmprezento pri vojaĝoj tra Eŭropo per Esperanto havis specialan karakteron. Multe da unuopaj kaj grupoj da scenoj antaŭe estis anoncitaj per filmtekstoj en Esperanto. Tiel la partoprenintoj, precipe ankaŭ la komencintoj facile povis ĝui la prezenton. Ĉi tiu maniero de prezento provas esti modela rimedo por helpe progresigi Esperanton. La ferio-semajno finiĝis en Luzern, kie la partoprenintoj, kunprenante belajn memorojn, adiaŭis. Jam sentante baldaŭan forpason de la somero, restis mallaŭta konsolo:

Malmilde puŝante la vent' sin prezentas;
la pluvo gutadas, naturo silentas.
Pro tempa kaŭzec' la ĉielo paliĝas
kaj pensoj de l' homoj senteme fariĝas.
Belegaj memoroj en homoj ekestas;
spirita rebrilo al ili nur restas.
Sufiĉu, ke tio konsolon enhavu:
Venonta somero denove nin ravu!

*A. Benders.*

*Nederlando:*

25 jaroj estas io — tion oni devas konfesi. Kaj 25 jaroj pasis, de kiam la Fervojista Esperantista Rondo Nederlanda fondiĝis, do jam unu jaron nur post la ĉion detruinta mondmilito. La prezidanto de IFEF ne preterlasis la okazon, en la nomo de la tuta federacio kaj persone gratuli al la jubileanto kaj transdoni la plej sincerajn bondezirojn por la venonta dua kvaronjarcento. FERN kuplis la festaranĝon kun jarkunveno kaj tuttaga ekskurso. Oni komencis la 25an de aŭgusto per solenaĵo, en kiu la

FERN-estraro akceptis la longan vicon de gratulantoj, inter kiuj estis s-ro Kok, reprezentanto de la Nederlanda Fervojo, multaj reprezentantoj de nederlandaj Esperanto-organizaĵoj de UEA kaj SAT, kolego Rösemann, sekretario de GEFA, hispana samideano kaj fine eĉ la prezidanto de la Esperanto-societo Nov-Jorko (konata fili(n)o de Amsterdamo). En bona harmonio pasis la ĝeneralkunveno posttagmeze, en kiu rapide estis traktita la ampleksa tagordo. Ambaŭ aranĝoj okazis en bele ornamita per 7 societaj flagoj salono en Utrecht.

La riĉenhava tago finiĝis per varia vespera programo en la nova klubhejmo de la fervojista grupo de Amsterdamo. Sub lerta gvidado de kolego de Jong, iama prezidanto de IFEF, dum tri horoj «rulis» programo loganta per filmoj el Norvegio, Germanio kaj Nederlando, per komuna kantado kaj tre amuziga kvizo.

Jam bedaŭrinde estis, ke ĝuste dum la sekvonta tago, kiam aŭtobuso kondukis pli ol 50 gastojn tra unu el la plej belaj regionoj de Nederlando, la densaj nuboj elŝutis sufiĉe da malsekaĵo. Sed tio tamen ne ĝenis la bonan humoron nek dum la interesa veturado nek dum la paŭzoj, kiujn la organizanto disponigis al la stomakoj.

Oni ne povas fini ĉi tiun modestan raporton sen mencio, ke el la sino de FERN kvazaŭ renaskiĝis la nuna federacio IFEF post la dua milito, ke la tiama estraro de FERN klare antaŭvidis la necesan evoluon al sendependa de ĉiuj federacio kaj ke FERN kiel unu el la plej aktivaj asocioj «liveris» dekduon da estraranoj al IFEF dum 20jara daŭro. La prezidanto ne forgesis, esprimi al FERN la plej koran kaj sinceran dankon de la federacio pro tiu sindona, longjara agado.

*Gi*

Daŭrigo de p. 73.

## Raporto . . . .

sed sufiĉe klare ni povus doni informon pli vaste pri nia faka laboro.

Fine la rekonon de nia laboro pruvas, ke inter la 200 oficiale akceptitaj gastoj ĉe la urbestro, — la alta protektanto de la Universala Kongreso — el inter la pli ol 2.000 kongresanoj, estis invitita ankaŭ la reprezentanto de IFEF.

*D-ro István Bácskai.*

## Nekrologoj

En aĝo de 72 jaroj forlasis nin nia germana membro *Josef Waldmann*

En Oslo mortis *Hans M. Berglie,* — fidela ano de NEFA kaj IFEF dum multaj jaroj.

Al la familioj ni sincere kondolencas.

*IFEF-estraro.*

## Gratuloj

Okaze de la 125 jara datreveno de Hungara Ŝtatfervojo la registaro honorigis niajn membrojn

s.roj D.ro Imre *Petheŝ,* Budapesto
per ora medalo
Pal *Kristek,* Budepesto
per arĝenta medalo

por meritplena laboro.

La estraro de IFEF nome de la tuta federacio elkore gratulas pro tiu altvalora dekoracio.

*

## Recenzoj

Univers. prof. d.ro J. Th. R. Schreuder kaj s.ino A. Diatlowicko-Tobi: Geriatrio kaj La Ĝenerala Zorgo Per Gemultjaruloj.

Tradukita de F. F. Faŭlhaber. Eldonita de FLE, Nederlando.

Libro, eta (43 paĝa) kun modesta aspekto, sed kun riĉa kaj grava enhavo. Ĝi estas verkita ĉefe por doni al geflegistoj resumon de la ĝeneralaj problemoj de la maljuniĝo — problemoj multokaze eviteblaj se ĝuste pritraktitaj. Ĝi temas pri gemultjaruloj estantaj en hospitaloj, en postzorgaj hejmoj, en t.n. multjarulaj hejmoj kaj pri gemultjaruloj kiuj havas okazon loĝi en siaj propraj hejmoj.

La libreto evidente estas tre instrua por geflegistoj, sed ankaŭ aliaj homoj povas multe lerni el ĝi. Preskaŭ ĉiu homo havas gemultjarulojn en sia familio aŭ inter siaj gekonatuloj. Ni ĉiuj bezonas ekkoni iliajn problemojn kaj lerni kiel doni al ili necesan kaj antaŭ ĉie ĝustan helpon. Al ni mezjaruloj la libro donas grandan inspiron ŝorge nin ekpreparu por la baldaŭa maljuniĝo — por ke ankaŭ niaj lastaj jaroj estu plenaj de vivo. Do — libro por ĉiu el ni.

La prizorgado de la multjaruloj estas aktuala temo de la socioj en multaj landoj. Kun intereso mi legas kiel oni solvas siajn problemojn en Nederlando.

Mi dankas al sinjoro Faŭlhaber kiu faris la malfacilan kaj grandan laboron traduki la gravan libron.

*Ekino.*

*

POŜATLASO DE LA MONDO

Eldonaĵo de Kartografie, n.p. Prago 1971, formato 11 x 16.50 cm. Prezo: 0.97 US-dolaroj.

Fine ĝi aperis, la ideala kaj tre necesa libro por ĉiu esperantisto, en unua vico por fervojistaj esperantistoj, kiuj havas elstaran avantaĝon kiam temas vojaĝi kaj interkomuniki trans la landlimojn. En




la bindita libro, estas 80 mapoj kaj fizikaj, politikaj, administraj kaj ekonomiaj informoj.

Daŭre troviĝas pli ol 12 000 geografiaj nomoj, en esperantigita formo, cetere indikoj pri internaciaj organizaĵoj, monoj kaj flagoj. Multaj esperantistoj-fakuloj kunlaboris por pretigi tiun libron, kiu nepre devas troviĝi en la biblioteko de ĉiu klera esperantisto. Se la Esperanto-libro-vendejo en la opa lando ne vendas ĝin, oni povas mendi la atlason rekte de la eldonejo: Kartografie, Praha 7, Frant. Krizka 1, CSR.

*Per Johan Krogstie.*

*

## PETSKRIBO

En la banurbo SOPOT en Polio formiĝas uniko en Pola Esperanto - Muzeo. Mi estas elektita membro de la Organiza Komitato kaj petas en tiu karaktero pri afabla alsendo de ĉiuspecaj esperantaĵoj kiel libroj, lernolibroj, gazetoj, revuoj, dokumentaĵoj presaĵoj, korespondaĵojn/ leteroj de esp. verkistoj, poetoj/, poŝtmarkoj, surgluaĵoj, glumarkoj, poŝtstampoj, vidkartoj, poŝtkartoj, fotografaĵoj, afiŝoj — ankaŭ kongresaj, ktp.

La Organiza komitato danke akceptas ĉiujn donacojn. Adreso:

Erazm Nawrowski, Gdynia, ul. Helmanska 20, Polio.

## Anonco

Atentu LKK-oj de la IFEF-kongresoj de 1964, 66 kaj 71: Bonvolu sendi al la pola komitatano Erasm Nawrowski po du kongreslibrojn. Se iam senditaj, ili evidente perdiĝis. *Estraro.*

*

La prezidanto petas sendi al li la kongresinsignojn de la IFEF-kongresoj 1952, 56, 59, 60 kaj 68, krome de la Universala kongreso de Zagreb 1953. Mi kompreneble rekompensas la kostojn. Adreso: Joachim Giessner, Bahnhof, D-342 Herzberg (Harz), Germanio.

*

# El la muzeaj fervojoj



*Lokomotivo de Södermanlands Järnväg en Svedio. La ŝpuro estas 600 mm.*





En la bona maljuna tempo, antaŭ la aŭtomobiloj detruis la idilion, — estis en Norvegio liliputfervojo je la nomo Aŭrskog—Hølandsbanen.

La ŝpuro mezuris 75 cm. kaj la distanco inter la finstacioj: Sørumsand kaj Skulerud, estis 57 km.

Dum multaj jaroj post ĝia komenco, en 1896, ĝi ludis gravan rolon en la transportsistemo en la regiono tra kie ĝi iris.

Dum ĝiaj lastaj vivjaroj — ĝis 1960 kiam ĝi suferis la morton, ĝia tasko ĉefe estis transporti scivolemajn turistojn dum sunplenaj somerdimanĉoj.

Lokomotivo kaj kelkaj personvagonoj de ĉi tiu fervojo, nun trafikas en trako en la Norvega Fervojmuzeo en Hamar.

Skribu al Norges Statsbaner, Presse- og Opplysningskontoret, Storgt. 33, Oslo 1, Norvegio, petskribon pri broŝuro pri la muzeo! Ne forgesu skribi en Esperanto!

*La redaktoro havas la parolon:*

# La lastaj vortoj . . .

en ĉi tiu numero, estas direktataj al ĉiu opa el la legantoj. Mi demandas vin: Ĉu *vi* estas kontenta koncerne la uzo de Esperanto en via hejmlando, flanke de la turistinstancoj kaj en la reklam-servo de la fervojo?

Verŝajne vi ofte pensas ke nia afero estas vana, ĉar ĉiuj kun kiuj vi interparolas, rakontas al vi: «Esperanto ne utilas, ĝi estas morta lingvo, nur bela utopio.»

Ne lasu vin kapti de tia pesimismo! Memoru ke Esperanto estas tiel vivanta kiel *vi* mem faras ĝin!

Lasu nin per ĉiaj fortoj demonstri al la tuta mondo, ke Esperanto estas reala lingvo!

Eble ke vi jam faras tion iamaniere. Vi certe portas la verdan stelon kaj sur civila jako, kaj sur uniformo dum la deĵoro, - sur viaj kofroj kaj valizoj dum vojaĝo, - sur aŭto kaj libertempdomo abundas verdaj steloj.

Sed pli bone ol miloj da verdaj steloj, estas se vi en prudenta maniero povas

instigi kaj konvinki la turistinstancojn kaj fervojadministracion en via lando eluzi la Internacian Lingvon en sia reklamservo.

Ni ne povas atendi ke ili de si mem, eluzu Esperanton.

Eventuale ili tute ne scias pri la ekzistado de Esperanto, aŭ verŝajne la koncernaj oficistoj supozas: «Esperanto ne utilas, ĝi estas morta lingvo, nur bela utopio.»

Tial estas fakte nia devo kiel fervojistaj esperantistoj, mortigi tiun falsan opinion.

Ni trovu la plej facile kompreneblan kaj okulfrapan nacilingvan turistbroŝuron, cetere la klarigan tekston de la internaciaj figuroj en la oficiala horaro, ĉi tion ni traduku al Esperanto, poste ni liveru la tradukaĵon al la eldonanto kun propono ke oni ankaŭ publikigu tiujn interesaĵojn en la Internacia Lingvo. Kaj kiam vi legas en Esperantorevuoj pri noveldonaĵoj de esperant-lingvaj presaĵoj, skribu tuj al la koncerna eldonanto en Esperanto petskribon ke ili b.v. sendi al vi la broŝuron. (Antaŭ ĉio ne skribu en la maniero: kara turistoficejo, ĉu vi deziras korespondi kun mi?)

Jen la listo pri kelkaj instancoj kiuj eldonis ion en Esperanto, kuj nun atendas ke vi petu pri iliaj servoj:

La filmo «Mi estis tie», 16 mm — daŭro 17 min. parolteksto en Esperanto, cetere 2 diversaj broŝuroj, pri vojaĝo per fervojo en Norvegio, kaj informbroŝuro pri la Norvega Fervojmuzeo en Hamar. Oni petu pri tiuj servoj, turnante sin en Esperanto al: Norges Statsbaner, Presse- og Opplysningskontoret, Storgt. 33, Oslo 1, Norvegio.

*

*Bonvenon al Gotenburgo* estas titolo de noveldonita turisma prospekto kiu estas kaj multkolora kaj belaspekta. Petu ĝin esperantlingve je: Turista Oficejo, Parkgatan 2, S-411 38 Göteborg, Svedio.

Pri la regionoj Väster-Norrland, Ångermanland kaj Medelpad en la norda Svedio, eldoniĝis instruktiva, multkolora broŝuro kun mapo pri la regiono. Skribu en Esperanto al Västernorrlands turisttrafikförbund, Box 91, S-871 01 Härnösand, Svedio.

*

Pri Helsinki, la finna ĉefurbo eldoniĝis bonega informilo en Esperanto. Laŭ peto oni ricevas ĝin de la turisma oficejo de la urbo, adreso: Pohojnen Esplanaadikatu 19 Helsinki 10, Finnlando.

*

En Turku, urbo en la suda Finnlando ĉe la Botnia golfo, eldoniĝis broŝuro kun teksto en Esperanto. Petu ĝin de la urba Turista Oficejo, Linnankatu 8, Turku, Finnlando.

*

*LUGANO-Suda Svislando* — Por reklami la urbon de la 24-a IFEF-kongreso, la lokaj aŭtoritatoj de urbo Lugano eldonis kvarpaĝan faldfolion kun mapo pri la regiono.

*

En Italio por viaj rendevuoj kun la suno, — informa faldfolio eldonita de Ĝenerala Direkcio de Italaj Ŝtataj Fervojoj en Romo.

*

Nova trilingva (ĉeĥa-serbokroata-Esperanto) kajerforma prospekto pri Hamburg. Laŭ peto oni ricevas ĝin de Fremdenverkehrs-und Kongress-Zentrale, Bieberhaus/Hauptbahnhof 1—5, D-2 Hamburg 1.

*

FARIĜU FAKDELEGITO DE UEA POR FERVOJO KAJ TURISMO!

---

La redaktfino por la venonta IF estas 15. 11. 1971.

Presita ĉe presejo A. Sæther A.s
N-2300 Hamar, Norvegio